JARO IV * N.° 40ª * Aprilo * 1907 *

# LA SUNO HISPANA *



S-ro SALVADOR PADILLA
Direktoro de la ĝenerala kaj teknika Instituto kaj Prezidanto de la Grupo Esperantista de Orense.



## Homanimaj celoj

### (El Jaime Balmes)

Kiam homo sin metas en tuŝo kun Naturo en ĝi mem, senigite je ĉiuj ecoj rilatantaj al individuoj, li ekprovas ian nedifineblan senton, ian specon de antaŭsento pri senfineco. Sidiĝu apud la maro, sur izolà bordo; aŭskultu la malakran plaŭdobruon de la disŝaumanta sub viaj piedoj ondaro aŭ la siblon de ilin agitanta vento; kun okuloj fiksataj al tiu senlimaĵo rigardu la dubebluan linion, kiu kunigas ĉielarkaĵon kun oceana akvaro; loku vin en vastan kaj izolan ebenaĵon aŭ en mezon de centjararba arbaro; en nokto silento rigardadu la ĉielon, sur kiu estas dissemitaj astroj, kiuj trankvile daŭrigas sian iradon tiel, kiel ili ĝin daŭrigis multajn centjarojn antaŭe kaj daŭrigos centjarojn poste; sen peno, sen ia ajn klopodo, fordonu vin al propramovaj celoj de via animo kaj vi konstatos, kiel el ĝi sentoj elfluas, kiuj ĝin profunde tuŝas kaj ĝin altigas super sin mem kaj kvazaŭ ĝin absorbas en senfinecon. Ĝia individueco malaperas antaŭ ĝiaj propraj okuloj: ili sentas la harmonion, kiu prezidas la grandegan tutaĵon, el kiu ĝi formas malgrandegan eron; en tiuj solenaj momentoj la genio ja kantas inspirita per la grandiozaĵoj de religio kaj detiras randangulon el vualo, kiu kovras antaŭ la okuloj de mortemuloj la brilegan tronon de la Superega Kreinto.

Tiu grava, profunda, kvieta sento, kiu nin forkaptas en similaj okazoj havas nenion rilatan al individuaj objektoj, ĝi estas ekspansio de la animo, kiu ĉe tuŝo kun Naturo sin disvolvas, kiel matena floro ĉe la sunradiaro; ĝi estas Dia altiro, per kiu la aŭtoro

de tuta kreitaro nin levas dum mallongaj momentoj de tiu, sur kiu ni rampas polvamaso. Tiamaniere konformiĝas intelekto kaj koro; tiel tiu ĉi antaŭsentas, kion tiu konas; tiel oni avizas laŭ diversaj vojoj, ke la ekzercon de niaj kapabloj ni ne kredu limigita je la mallarĝa irejo, kiun oni difinis al ni sur la tero: ni gardu nin glaciigi la koron per la malvarmo de sensenteco kaj estingi la intelektan torĉon per la ruiniga blovo de skeptikeco.

El hispana lingvo tradukis,

VICENTE INGLADA.

# Ankoraŭ alia rabita karulo!

*A la memoro de la eminenta Esperantisto D.ro E. Javal.*

En plena batalo, dum aĝo matura,
Vin kaptis kruela la mort' senkompata,
Ankoraŭ alia rabita karulo
Foriris al lando de ni ne konata!
Hodiaŭ scienco ploradas funebre
La morton de fil' eminenta kaj glora,
Kaj ankaŭ per ploro l' afer' esperanta
Bedaŭras la perdon de l' an' plej fervora.
Vi multe laboris, potence helpadis
Al nia plej nobla por hom' entrepreno,
Kaj tamen, modesta, vi haŝis vin ĉiam,
Por montron eviti de danka korbeno.
Sur vin malfeliĉo sin ĵetis avida
Kaj vidon forrabis al vi, okulisto.
Vi, blinda, daŭrigis la noblan batalon
Kun sama penado, kun sama persisto.

Vi perdis la vidon, sed restis la koro
La hor' sin oferis kun fid' de kredanto,
Vi ĉion fordonis al ni kaj vi mortas
Vidonte triumfon de lingv' Esperanto!

El ter' vi foriris kun ĉies bedaŭro,
Ni restas ĉi tie kun prema ĉagreno,
Sed nun ja Trompeter, Einstein, Wasniewski
Plej ĝoje vin tenas en amĉirkaŭpreno.

Ripozu, ripozu, plej nobla kunfrato,
Adiaŭ, homama, fidela bonulo!
Silentu jam, Muzo! Ne dormon agitu
De nia por ĉiam perdita karulo!...

VICENTE INGLADA.

# Horo de morto

Kvankam morto malvarma kutimas eltiri
Siajn manojn kruele,
Lasi mondon ĉi tiun, mallumon eniri—
*Ĝi* ne premas tiele!

Devas veni ja fino al ĉio vivanta,
Al batado de koroj...
Enuigas nin fine la ŝanĝo konstanta
De la ridoj kaj ploroj.

Sed forlasi karulojn en horo de morto
Al kruela la sorto
Kaj en tombon deiri, aŭdante la ploron—
Nur ĝi faras doloron.

LEO BELMONT.

# AMO

## El pola poeto Kazimierz Tetmajer.

Ŝajnis al mi, ke mi vidis ĉiujn horojn, kiujn mi havas ankoraŭ transvivi, flugantajn malrapide antaŭ miaj okuloj, kiel amaso da laroj [1] en la momento de foriro de l' suno, kiam la tago estas varmega...

Komence la blankaj flugiloj de ĉiuj horoj de mia vivo estis makulitaj per sango, per mia propra sango; sole unu, la lasta, havis flugilojn blankajn kaj purajn.

Tiam mi ekpensis, ke mi havos almenaŭ la morton dolĉan kaj trankvilan...

Jen subite alvenis ŝi, tiu ĉi virino, kiun mi amas, kaj ekvidinte horojn, kiujn mi havas ankoraŭ transvivi, ke ili estis ĉiuj sangitaj kaj nur la lasta estis blanka kaj pura,—ŝi diris:

—Mi volas, ke tiu ĉi estu ankaŭ tia, kiel la aliaj.

Mi ne demandis ŝin: kial?

Kaj poste ŝi diris:

—Sed el kie preni la sangon?...

Tiam mi montris al ŝi mian koron kaj donante al ŝi ponardon, mi diris:

—Ekbatu!

Kiam ŝi levis la manon por ekbati, mi pensis nur, ĉu mi scios sufoki ĝemon por ne ektimegigi ŝin, kaj kiam ŝi ekbatis, kvankam la doloro estis freneza, mi ne ekĝemis.

La sango, kiu elŝprucis el mia koro, ekmakulis la flugilojn de la lasta horo de mia vivo, flugilojn blankajn kaj purajn. Tiam mi ekpensis, ke mi havos ankaŭ eĉ morton maldolĉan kaj teruran, sed mi ne demandis, kial tiu ĉi virino tiel faris al mi.

Ŝi volis tiel—kaj mi amas ŝin...

*Trad.* JOZEF WASNIEWSKI.

(El *Lingvo Internacia*: Junio-Julio 1896.)

[1] *Larus*, lat.

# AMOR

## Del poeta polaco Kazimiers Tetmajer

Parecíame que veía todas las horas, que todavía he de vivir, volando lentamente ante mis ojos, como bandada de laros en el momento de marcharse el sol, cuando el día es caluroso...

Al principio las blancas alas de todas las horas de mi vida estaban manchadas de sangre, de mi propia sangre; sólo una, la última, tenía alas blancas y puras.

Entonces pensé, que tendré al menos la muerte dulce y tranquila...

Súbitamente llegó ella, esta mujer que yo amo y viendo las horas que todavía he de vivir, que estaban todas ensangrentadas y solamente la última era blanca y pura,—dijo:

—Quiero, que ésta sea también tal como las otras.

Yo no le pregunté: por qué?

Y después dijo ella:

—¿Pero de dónde tomar la sangre?

Entonces yo le mostré mi corazón, y dándole un puñal le dije:

—¡Herid!

Cuando ella levantó la mano para herir, yo pensé solamente, si sabría sofocar un gemido para no asustarla, y cuando dió el golpe, aunque el dolor fué enloquecedor, no gemí.

La sangre que brotó de mi corazón manchó las alas de la última hora de mi vida, alas blancas y puras. Entonces pensé que también tendré hasta una muerte amarga y terrible, pero no pregunté por qué esta mujer así obró conmigo.

Ella lo quiso así—y yo la amo.

# Sciigoj

**Anglujo.**—*Pri la Kambridĝa Kongreso.*—Ni legas en «The British Esperantist:

«Kvankam la oficialaj tagoj de *La Tria* estas *Lundo, Aŭgusto 12ª*, ĝis *Sabato, Aŭgusto 17ª*, ni esperas, ke multaj amikoj venos al Cambridge je Sabato, la 10an de Aŭgusto. Ili tiam povos komforte loĝiĝi kaj koni iom pri la urbo kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj antaŭ ol komenci la laboron. Ni aranĝos kelkajn neoficialajn kunvenojn por tiuj fruuloj.

Dimanĉon, la 11an de Aŭgusto, okazos Esperantaj Dioservoj. Pastro J. Cyprian Rust, prezidanto de la *Eklezia Komitato*, jam preparis lertan tradukon el la Angla Preĝlibro, kiun ni baldaŭ presigos kun kolekto de himnoj. Katolikajn himnojn oni sendu al *Abato Peltier, St. Radegonde, apud Tours, France.* Niaj vizitantoj povos fari promenadojn en la urbo kaj kamparo, sed ni esperas, ke kiel eble plej multaj ĉeestos en la preĝejo matene.

*Lundon, la 12an de Aŭgusto,* oficiala akcepto de la Esperantistoj okazos ĉirkaŭ la dua horo posttagmeze. La oficiala malfermo de la Kongreso okazos vespere aŭ en la Urbodomo aŭ en la Teatro, aŭ en la ambaŭ, se tion postulos la grandnombreco de la Kongresanoj. Ĉiumatene, okazos en la Urbodomo la oficialaj agadaj kunvenoj de la Kongreso.

La vespero de mardo kaj ĵaŭdo estos okupataj de teatraj ludoj kaj koncertoj, kaj ni petas ke la prezidantoj aŭ sekretarioj de la ĉiunaciaj grupoj bonvolu sciigi nin, ĉu iuj el iliaj talentaj membroj ĉeestos. Ni intencas frue prepari la programojn de tiuj festoj, kaj tre ŝatos internacian kunlaboron. Granda ekskurso en la Ĝardenan Urbon okazos posttagmeze je mardo, la 12an, kiam estos speciala ekspozicio de modelaj dometoj. Granda ekspozicio de britaj sportoj okazos posttagmeze je ĵaŭdo Aŭg. 15, kaj ankaŭ oni aŭdos la ŝanĝ-sonoradon de la famaj sonoriloj de Great St. Mary preĝejo. Granda nokta substela festo okazos merkredon, Aŭg. 14. Diversaj koncertoj, anglaj merkredon, okazos oficiala ekskurso al Ely, kie lia Dekana Moŝto afable proponas persone konduki nin tra la katedralo.

La oficiala fermo de la Kongreso okazos sabaton matene, kaj kredeble la plimulto el la Kongresanoj tuj ferveturos Londonon per specialaj vagonaroj.

Tiam la oficiala laboro de *La Tria* estas finita. Poste komenciĝos nova epoko, kaj la londonaj samideanoj klopodos sub la prezido de *Triano* Mudie, gajigi por niaj amikoj ilian londonan ĉeeston. Kredeble ĉiuj estos iom laciĝintaj sabaton, kaj pro tio nenia grava kunvenego okazos, sed ni permesos al niaj vizitantoj iom spiradi antaŭ ol konduki ilin, la morgaŭan tagon, en la plej ŝatindajn el niaj allogaĵoj. Dimanĉo en Londono estas tre bona tago por viziti la Zoologiajn Ĝardenojn Botanikajn Ĝardenojn en Kew, kaj Hampton Court. La muzeoj de pentraĵoj, k. t. p. estas malfermataj posttagmeze kaj do eĉ se pluvos, oni ne devos resti en lito. Tiaj ekskursoj kaj vizitoj daŭros ĝis la frua mateno de merkredo, Aŭg. 21, kaj la ĉefa kunveno kredeble okazos lundon nokte, en vasta salonego, en kiun povos ankaŭ veni neesperantiĝintoj.

La grandaj ekskursoj tra Anglujo komenciĝos merkredon, Aŭg. 21, kaj kelke da ili daŭros ĝis Aŭg. 27, je kiu dato la rabatoj ceditaj de la fervojaj kompanioj finiĝos. Inter tiuj ĉi ekskursoj estas vizitoj al Strat-ford-on-Avon, Warwick, Oxford, Kimrujo kaj, eble, al la Laga Regiono Angluja. Jen skeleto de niaj planoj.

Ni esperas, ke la Kongresanoj aprobos. Pri la multaj detaloj kaj kunvenoj poste aranĝotaj—inter kiuj estas festo proponita de lia Urbestra Moŝto en Cambridge, kiu kun kelkaj aliaj eminentaj personoj, deziras akcepti nin—ni poste donos sciigojn.»

**Francujo.**—Laŭ la decido de l' Ĝeneva Kongreso, la Grupo de Charenton ĵus fondis Esperantan Konsulejon kaj Esperanto-Oficejon.

Ĝi elektis: Konsulo, S.ron D.ron Roblot, 8, rue de la République, Charenton (Sei-

kaj internaciaj, kompreneble tie okazos, kaj la tuta afero kredeble estos tre memorinda. Unu posttagmezon—kredeble ne); vickonsulinon, F.ino C. Koch, 14, rue des Ormes, Charenton (Seine). Agenton de Esperanto-Oficejo: S.ro L. Cuzon, 52, rue de Paris, Charenton (Seine).

Tiuj konsuloj kaj Agento donos tre volonte kaj kiel eble plej akurate ĉiujn petitajn sciigojn.

**Svedujo.**—La gazeto «Affarsvarlden» gravega por ĝia rondiro en la mondo komercia, industria, turista, k. t. p. eldonis specialan kristnaskan numeron pli ol 300 paĝoj el kiuj kvin, estas esperante skribitaj de S.ro P. Ahlberg rilate al Geneva Kongreso, ilustritaj per naŭ delikataj fotogravuraĵoj. El tiu numero oni dissendis senpage 2.000 ekzemplerojn kaj plie oni faris apartan kajeron de la kvin esperantistaj paĝoj kaj ĝin oni donacis malavare. Ni posedas kaj estimegas unu el ili.

La ĉefa D.ro de Affarsvarlden estas konata kaj malnova esperantisto sinjoro D.ro E. Etzel.

**Japanujo.**—S.ro Toĉio Ĉif, redaktoro de «Japana Esperantisto» preparas lernolibron de Esperanto por la japanoj, kiuj ĝis nun povis lerni tiun ĉi lingvon nur per eŭropaj lernolibroj. Sed niaj lingvoj tute diferencas de la japana. El tio rezultas granda malhelpo por la profesoroj de Esperanto, ĉar ili ne povas doni al siaj lernantoj ian libron verkitan por ili. La lernolibro de S.ro Toĉio Ĉif sendube helpos multe al nia disvastigado en tiu lando, kie ĝis nun, malgraŭ tiu ĉi malhelpo estas tiel granda la progresado de nia lingvo.

---

**Hispanujo.**

† S.ro Francisko Bravo Rodríguez, patro de nia fervora kunbatalanto S.ro Bravo del Barrio mortis en Villarén (Palencia) la 22ª de Februaro lasta. Ni sendas al S.ro Bravo la esprimon de nia kondolenco

*Santiago.*—S.ro Carro García havis la ideon demandi al eminentaj personoj el Hispanujo ilian opinion pri Esperanto. Li jam komencis sukcesi je sia entrepreno. kaj li atingis la respondojn de S.ro García Prieto, de la direktoro de la revuo «Galicia», S.ro Augusto C. de Santiago Gadea, de la profesoro de la Centra Universitato, S.ro Josefo Casares, kaj de la S.ino Emilia Pardo Bazán, k. t. p. Li pensas presigi broŝureton enhavantan tiujn ĉi opiniojn, kiu estos ja tre interesa kaj taugega por la propagando de nia afero.

Ni legis ankaŭ en «Gaceta de Galicia» artikolon tre fervore verkitan de sinjoro Carro García, en kiu parolinte pri la granda sukceso de la venonta Kongreso en Cambridge, li anoncas tiun de 1908 en Germanujo, eble Francfort kaj portiu de 1909 en Hispanujo, li prezentas la Galician regionon konkurantan kun Valencia, Bilbao kaj San Sebastián.

*Villanueva y Geltrú.*—Laŭ sciigas,

**España.**

† D. Francisco Bravo Rodríguez, padre de nuestro fervoroso campeón Bravo del Barrio, falleció en Villarén (Palencia) el 22 del pasado Febrero. Enviamos al Sr. Bravo la expresión de nuestro sentimiento.

*Santiago.*—El Sr. Carro García tuvo la idea de pedir á eminentes personajes de España su opinión sobre el Esperanto. Ha conseguido salir airoso en su empresa, pues ha logrado las respuestas del señor García Prieto, del director de la revista «Galicia» D. Augusto C. de Santiago Gadea, del profesor de la Universidad central D. José Casares y de D.ª Emilia Pardo Bazán, etc. El trata de editar un folleto que contenga estas opiniones, el cual será muy interesante y muy á propósito para la propaganda de nuestra causa. También hemos leído en la «Gaceta de Galicia» un artículo muy bien escrito del mismo Sr. Carro García, en el cual, después de hablar del gran éxito que tendrá el próximo Congreso en Cambridge, anuncia el de 1908 en Alemania, tal vez Francfort, y para el de 1909 en España ofrece la región gallega en competencia con Valencia, Bilbao y San Sebastián.

*Villanueva y Geltrú.*—Según nos co-

nin S.ro Francisko Mestres, oni fondis tie ĉi Grupon, kies nomo «Laboro Esperanta» promesas al ni grandan laboradon en la disvastigo de Esperanto.

*Castillo de Locubín* (Jaén).—Tre agrable surprizis nin la sciigo pri la fondo de la Grupo de tiu ĉi loko, ĉar ni ne bone konis la agemeco de S.ro Josefo Palop López, vicsekretario de Enguera Grupo. Tiu ĉi S.ro profitante sian vojaĝon tra Andalucio, ĵetis ĉiuloke la bonan semon, kaj trafis entuziasmigi pro nia afero la progresemajn loĝantojn de Castillo de Locubín, kiuj fondis fervoran Grupon kies komitato estas laŭ jene:

munica D. Francisco Mestres, se ha fundado allí un Grupo cuyo nombre, «Laboro Esperanta» nos promete gran actividad en la propaganda del Esperanto.

*Castillo de Locubín.*—Muy agradablemente nos ha sorprendido la noticia sobre la fundación del Grupo de esta población, pues no conocíamos bien la actividad de D. José Palop López, vicesecretario del Grupo de Enguera. Este señor, aprovechando su viaje por Andalucía, lanzó por todas partes la buena semilla y ha conseguido entusiasmar por nuestra causa á los habitantes de Castillo de Locubín, que han fundado un fervoroso Grupo, cuya junta es como sigue:

Honora prezidanto, S.ro Josefo Palop López; prezidanto, S.ro Narciso G.a Mochales Smiht; vicprezidanto, S.ro Antonio Fernández Martínez; sekretario, S.ro Karolo Estremera Castillo; kasisto, S.ro Johano Guzmán Simón; voĉdonantoj, S.roj Emanuelo Alvarez González, Josefo M.a Alvarez Castillo, Angelo de Leyva Caracuel, Florencio Alvarez Castillo.

Nian plej koran gratulon kaj dankon al S.ro Palop kaj al la anoj de la nova Grupo.

*Vitigudino* (Salamanca). — Nia kara amiko kaj fervorega esperantisto, S.ro de Seijas, kies portreton ni eldonis en nia lasta numero, tre multe laboradis dum sia ĉeesto en Castellón por disvastigi esperanton. La Grupo kiun li fondis lin elektis sia prezidanto. Ankaŭ ne longe, la Castellonaj esperantistoj vidis kun granda bedaŭro foriri sia prezidanto, ĉar li estis nomita juĝisto de Vitigudino. Tie ĉi li trovis virgan kampo por siaj esperantaj laboroj kiujn li entreprenis senprokrate. La fondiĝo de la tiea esperantista Grupo estas la pruvo de lia granda sukceso. Sen la Direkta Komitato:

Nuestra cordial enhorabuena y voto de gracias al Sr. Palop y á los miembros del nuevo Grupo.

*Vitigudino.*—Nuestro querido amigo y entusiasta esperantista Sr. de Seijas, cuyo retrato publicamos en nuestro último número, había trabajado mucho durante su permanencia en Castellón en la propaganda del Esperanto. El Grupo que allí fundó le había elegido presidente. Hace poco nuestros esperantistas castellonenses han visto con sentimiento marchar á su presidente, pues había sido nombrado juez de Vitigudino. Aquí ha encontrado él un campo virgen para sus tareas esperantistas, que ha comenzado sin dilación. El establecimiento de un Grupo esperantista es la prueba de su gran éxito. He aquí la directiva:

Honoraj prezidantoj, S.roi D.ro Ludoviko Zamenhof, Román Ayza, José de Seijas; efektiva prezidanto, Nicolás Ballesteros; vicprezidanto, Julio Sánchez; Sekretario-kasisto kaj bibliotekisto, Fernando del Arco; vicsekretario, Angel Alonso; voĉdonantoj, Severiano Ledesma, Ruperto Rodríguez.

*Alicante.*—Ankaŭ estas fondita Grupo tie ĉi, dank'al la laboro de S.ro Elizaicin kaj liaj amikoj. Jam de longe ni esperis tiun okazintaĵon, ĉar Esperanto estas konata tie ĉi antaŭ tri jaroj. La Komitato estas:

*Alicante.*—También se ha fundado aquí un Grupo, gracias al trabajo del señor Elizaicin y de sus amigos. Ya mucho tiempo que esperábamos este acontecimiento, pues el Esperanto es conocido allí desde hace tres años. La Junta directiva es:

## SCENO IX

### D.ª Francisca, Rita

RITA.—Kiel petolema li estas!... Sed... dank'al Dio, don Felix tie ĉi!... Jes, li amas ŝin, tio estas videbla. (*Eliras Kalamoĉo de la ĉambro de don Carlos, kaj foriras tra la centra pordo.*) Ho, lasu ke oni parolu; estas viroj tre ĝentilaj; kaj tiam, kion povas fari virino? Ilin ami, devige, ilin ami... Sed, kion diros la fraŭlineto kiam ŝi vidos lin? ĉar ŝi estas blindenamigita por li. Karulino! ĉu ne estus domaĝe se... Jen ŝi estas.

D.ª FRAN.—(*Enirante.*) Ho, ve, Rita!

RITA.—Kio estas? Ĉu vi ploris?

D.ª FRAN.—Ĉu mi ne devas plori? Se vi estus vidinta mian patrinon... Treege decidinta, ke mi amu tiun homon. Se ŝi scius tiun homon. Se ŝi scius tion, kion vi scias, ŝi ne ordonus ke mi faru neeblaĵojn... Ke li estas tiel bona, ke li estas tiel riĉa, ke mi estos tiel feliĉa kun li... Ŝi tre koleriĝis kaj nomis min fripona, malobeema... Malfeliĉa mi! ĉar mi ne mensogas nek scias hipokriti, pro tio ŝi nomas min fripona.

RITA.—Fraŭlino, pro Dio, ne estu tiel malĝoja.

D.ª FRAN.—Ja, ĉar vi ne aŭdis ŝin... Kaj ŝi diras, ke don Diego plendas, ke ni nenion diras al li... Tro diras mi al li, kaj mi tre penadis ĝis nun ŝajniĝi kontenta, kun li, kiel mi neniel estas, kaj

rideti kaj babili... Kaj ĉio por kontentigi mian patrinon, ĉar se ne... Sed la Virgulino bone scias ke tio ne venas el mia koro. (*La teatro komencas mallumiĝi iom post iom.*)

RITA.—Ho, ĉesu, ne estas ankoraŭ necesa tiom da maltrankvileco! Kiu scias?... Ĉu vi ne memoras jam tiun feliĉan tagon, kiun ni pasigis la lastan jaron en la kampodomo de l'administranto?

D.ª FRAN.—Ho, kiel mi povas forgesi ĝin? Sed... kion vi volas diri al mi?

RITA.—Mi volas diri ke tiu sinjoro, kiun vi vidis tie kun la kruco verda, tiel ĝentila, tiel bele vestita...

D.ª FRAN.—Kiom da parolojl... Don Felix... Kaj, kio?

RITA.—Kiu akompanis nin ĝis la urbo...

D.ª FRAN.—Bone... kaj poste li revenis, kaj mi vidis lin, malfeliĉe, multajn fojojn... malsaĝe konsilita de vi.

RITA.—Kial, fraŭlino? Kiun ni ofendis? Gis nun neniu en la monaĥinejo suspektis tion. Li neniam eniris tra la pordoj, kaj kiam nokte li parolis kun vi, estis inter vi du spaco tiel longa, ke vi ofte malbenis ĝin... Sed tio ne estas la afero. Kion mi volas diri al vi, tio estas, ke estas neeble, ke amanto kiel tiu forgesu sian adoratan Francinjon. Konsideru ke ĉio, kion ni sekrete legis en romanoj ne valoras, kion ni vidis ĉe li. Ĉu vi memoras tiujn tri manplaŭdojn kiuj aŭdiĝis inter la dekunua kaj la dekdua nokte? kaj tiun sonan frapeton tiel delikatan kaj signifan?

D.ª Fran.—Ho, Rita! Jes, mi ĉion memoras kaj dum mi vivos mi konservos la memoron. Sed li forestas, kaj eble amuzas sin per nova amindumo.

Rita.—Mi ne povas tion kredi.

D.ª Fran.—Sed li estas viro, kaj ili ĉiuj...

Rita.—Kia sensencaĵo! Ne trompu vin, fraŭlino. Ĉe viroj kaj ĉe virinoj okazas tio sama, kio okazas ĉe la melonoj de Añover'. Estaj bonaj kaj malbonaj; kio ne estas facila, tio estas elekti. Kiu rezultas malfeliĉa en la elekto, tiu kulpigu sian ŝancon, sed ne mallaŭdu la komercaĵon... Estas viroj tre trompemaj, tre friponaj; sed estas neeble, ke tia estas li kiu donis tiom da pruvoj de amo kaj persisteco. Tri monatojn daŭris la serenado kaj sekreta interparolado, kaj dum tiu tuta tempo vi bone scias, ke ni neniam vidis ĉe li agon neĝentilan, nek aŭdis ĉe lia buŝo vorton malhonestan aŭ malrespektan.

D.ª Fran.—Estas vere. Tial mi amis lin multe, tial mi havas lin tiel fiksita tie ĉi... tie ĉi... (*Ŝi montras sian bruston.*) Kion estus li dirinta kiam li ricevis mian leteron? Ho, mi bone scias, kion li dirus... Ho, jes!... Estas domaĝe!... Tre certe... Kara Francinjo!... Kaj ĉio finiĝis... Li sendube ne dirus pli... nenion pli.

Rita.—Ne, fraŭlino, li ne diris tion.

D.ª Fran.—Kion vi scias?

Rita.—Mi bone scias. Kiam li legis la leteron li tuj estus ekveturinta kaj venos flugante konsoli sian amikinon. Sed... (*Alproksimiĝante al la pordo del ĉambro de donja Irene.*)

D.ª FRAN.—Kien vi iras?

RITA.—Mi volas vidi, ĉu...

D.ª FRAN.—Ŝi skribas.

RITA.—Ŝi, do, devos baldaŭ fini, ĉar komencas noktiĝi... Fraŭlino, tio, kion mi diris estas ĉio tute vera... Don Felix estas nun en Alcalá.

D.ª FRAN.—Kion vi diras? Ne trompu min.

RITA.—Tiu estas lia ĉambro... Kalamoĉo ĵus parolis kun mi.

D.ª FRAN.—Ĉu vere?

RITA.—Jes, fraŭlino, li jam eliris lin serĉi tial ke...

D.ª FRAN.—Do, li amas min! Ho, Rita, kiel bone ni agis avertinte lin... Sed ĉu vi vidas tian ĝentilecon?... Ĉu li fartas bone?... Veturadi tiom da mejloj sole por vidi min... ĉar mi lin ordonis...! Kiel dankema mi devas esti por li! Ho, mi promesas ke li ne plendos pro mi. Eterna dankemeco kaj amo.

RITA.—Mi nun iros serĉi kandelojn. Mi penos restadi tie malsupre ĝis kiam ili revenos. Mi tiam scios, kion li diras kaj intencas fari ĉar dum ni estos ĉiuj tie ĉi povas okazi ia terura batalo inter la patrino, la filino, la fianĉo kaj la amanto, kaj se mi ne preparas bone tiun ĉi renkontiĝon ni ĉiuj ruiniĝos en ĝi.

D.ª FRAN.—Vi estas prava. Sed, ne... Li estas kuraĝa kaj talenta, kaj li scios decidi tion kio estas plej bona. Kaj kiel vi avertos min? Memoru, tuj kiam li venos mi volas vidi lin.

RITA.—Estu trankvila. Mi lin venigos tien ĉi, kaj faros tiun tuseton sekan... ĉu vi komprenas min?

D.ª FRAN.—Jes, bone.

RITA.—Nu, tiam vi eliros, kun ia ajn preteksto. Mi restos sola kun la sinjorino. Mi parolados kun ŝi pri ĉiuj ŝiaj edzoj kaj pri ŝiaj bofratoj, kaj pri la episkopo, kiu mortis sur la maro... Krom tio, se estos tie don Diego...

D.ª FRAN.—Bone, iru, kaj tuj kiam li alvenos...

RITA.—En tiu sama momento.

D.ª FRAN.—Ne forgesu tusi.

RITA.—Ne timu.

D.ª FRAN.—Se vi scius kiel mi estas konsolita!

RITA.—Kvankam vi ne ĵuros, mi vin kredas.

D.ª FRAN.—Ĉu vi memoras kiam li diris, ke estis neeble, ke li forigu min el sia memoro, ke ne estas danĝeroj kiuj kontraŭstaros lin, nek malhelpoj, kiujn li ne detruos por mi?

RITA.—Jes, mi bone memoras.

D.ª FRAN.—Ho, nun vidu kiel li diris veron. (*D.ª Francisca foriras en la ĉambron de D.ª Irene; Rita, tra la centra pordo.*)

# DUA AKTO

## SCENO I

(*Teatro malluma.*)

D.ª Fran. (*sola*).—Ankoraŭ neniu aperas... (*Ŝi alproksimiĝas al la centra pordo, kaj revenis.*) Kiom da malpacienco mi havas! Kaj diras mia patrino ke mi estas naivulino, ke mi nur pensas ludi kaj ridi, kaj ke mi ne scias tion kio estas amo... Jes, deksep jaroj, kaj ne plenaj ankoraŭ, sed mi scias bone kio estas amegi, kaj kiom da maltrankvileco kaj larmoj tio kostas.

## SCENO II

**D.ª Irene, D.ª Francisca.**

D.ª Ire.—Sola kaj sen lumo vi lasis min tie.

D.ª Fran.—Ĉar vi estis finanta vian leteron, patrino, kaj por ne distri vin mi venis tien ĉi, kie estas multe pli malvarmete.

D.ª Ire.—Sed tiu knabino, kie ŝi estas? kial ŝi

ne alportas kandelon? Pro la plej malgranda afero ŝi malfruas unu tutan jaron, kaj mi kiu havas karakteron kiel pulvon... (*Ŝi sidiĝas.*) Estu ĉio por Dio!... Kaj ankoraŭ ne venis don Diego?

D.ª Fran.—Ŝajnas ke ne.

D.ª Ire.—Nu, memoru, filino mia, kion mi jam diris. Kaj atentu ke mi ne ŝatas diri dufoje aferon ian. Tiu ĉi sinjoro estas ofendita, kaj li havas grandan kaŭzon.

D.ª Fran.—Bone; jes, sinjorino, mi ja scias. Ne min riproĉu plu.

D.ª Ire.—Tio ĉi ne estas riproĉi, filino; ĝi estas konsili. Tial ke vi ne havas ankoraŭ saĝecon por kompreni kia bonaĵo estas alveninta al nia pordo... Kaj aparte kiam mi estas kovrita de ŝuldoj, tiel ke mi ne scias kio estus fariĝinta via malfeliĉa patrino... ĉiam faletante kaj leviĝante... Kuracistoj, apoteko... Kaj tiu sovaĝulo, don Bruno (sed ĉar li mortis, Dio lin pardonu!) kiu igis min pagi po kvin kaj sep frankoj unu papereton da piloloj el asafetido kaj kolokintido... Konsideru ke tre malmultaj sukcesas fari edziniĝon kiel vian. Kvankam ni ne devas tian ŝancon al viaj meritoj nek al mia agemeco, sed al la preĝoj de viaj onklinoj kiuj estas piulinoj. Kion vi diras?

D.ª Fran.—Mi, nenion, patrineto.

D.ª Ire.—Fi! vi neniam diras ion. Dio min helpu! Kiam mi parolas al vi pri tio, vi havas nenion por diri.

## SCENO III

**Rita** (*eniras tra la centra pordo kun kandeloj kaj metas illin sur la tablon*) **D.ª Irene, D.ª Francisca.**

D.ª Ire.—Nu, virino, mi kredis, ke vi ne venus ja tiun ĉi nokton.

Rita.—Sinjorino, mi malfruis ĉar oni devis eliri aĉeti kandelojn... Tial ke la fumo de la lampo faras al vi tiom da malbono!

D.ª Ire.—Certe, ĝi faras al mi grandegan malbonon, kun tiu ĉi kapdoloro kiun mi suferas... Mi fine deviĝis forigi la kanforajn bandaĵojn; ili neniel taŭgis por mi. La hostioj estas ŝajne pli bonaj... Atentu, lasu tie la kandelon kaj portu alian en mian ĉambron kaj fermu la kurtenojn por ke ĉio ne pleniĝu je kuloj.

Rita.—Tre bone. (*Ŝi prenas kandelon kaj ŝajnigas foriri.*)

D.ª Fran. (*Flanken al Rita.*)—Ĉu li ne venis?

Rita.—Li venos.

D.ª Ire.—Aŭskultu, donu la leteron kiu kuŝas sur la tablo al servisto de l' gastejo, por ke li portu ĝin tuj al la posto. (*Foriras Rita en la ĉambron de D.ª Irene.*) Kaj vi, karulino, kion vi havas por vespermanĝi? Ĉar ni devas baldaŭ kuŝiĝi por ekiri frumatene.

Honoraj prezidantoj, D.ro Zamenhof, Ricardo Codorniu; vicprezidanto, S.ro Daniel Jiménez de Cisneros; kasisto, S.ro Emilio Peláez; sekretario, S.ro Celso Varona; voĉdonantoj, S.roj Francisco Flores Castillo kaj Gregorio Verdú.

*Vigo.*—S.ro Emanuelo Dovao enpresis bonan artikolon pro Esperanto en la duonsemajna tiea gazeto «El Restaurador».

*Barcelono.*—La tiea Grupo esperantista nomis konsulo en Barcelona sinjoron Alfonso Sabadell, kies adreso estas: calle de la Diputación, 280, Barcelona (España).

*Gibraltar.*—La 7.an de Marto okazis grandega kunveno en la salonoj de la Bolsa kiuj estis jam plenaj eĉ antaŭ ĝia malfermo. La juĝisto S.ro Henry Pipon Schooles, kiu prezidis, ekparolis klarigante la celon de la kunveno. Poste li parolis pri la utileco de la uzado de lingvo internacia Esperanto. Ankaŭ parolis S.roj Hasluck, Edward, Bonici, kaj la direktoro de «Gibraltar Chroniche». Poste prezidanto demandis, ĉu estas iu ajn kiu volas fari paroladon, kaj leviĝis unu artileria soldato kaj unu maristo. Ambaŭ tre lerte parolis kaj juste meritis longajn aplaŭdojn S.ro Moreno, direktoro de la Akademio de Esperanto en Gibraltar salutis tiujn ĉi disvastigantojn. S.ro advokato Arturo Carrara proponis la kreadon de Grupo sub la nomo «The Gibraltar Esperantist Society». Oni enskribis tuj cent dudek anojn, inter kiu estas multe da fraŭlinoj.

*Málaga.*—S.ro Johano A. Aguirre proponis al la profesoraro de la tiea Ĝenerala kaj Teknika Instituto la kreadon de Esperanta kurso. Unuanime estis aprobita tiu ĉi grava propono, kaj la 10ª de la pasinta monato komencis la enskribo, kaj la 18an estis malfermata la kurso kiu okazas ĉiujn lundojn kaj ĵandojn de la 2.ª ĝis la 3ª postagmeze. ¡Antaŭen, karaj samideanoj!

*Tarragona.* — S.ro Samuelo Cervera malfermis kurson de Esperanto per korespondado, uzante por tio la praktikan metodon de aŭtoro angla S.ro O'Connor hispane tradukitan Por tion konigis sinjoro Cervera empresis propagandan broŝureton kiu estas tre taŭga, kaj cir-

*Vigo.*—D. Manuel Dovao ha publicado un buen artículo en favor del Esperanto en la revista bisemanal «El Restaurador».

*Barcelona.*—El Grupo Esperantista de ésta ha nombrado Cónsul en Barcelona á D. Alfonso Sabadell, cuya dirección es: Calle de la Diputación, 280.—Barcelona (España).

*Gibraltar.*—El 7 de Marzo tuvo lugar una reunión magna en los salones de la Bolsa, que se encontraban ya llenos aun antes de su comienzo. El juez sir Henry Pipon-Schooles, que presidía, comenzó á hablar explicando el objeto de la reunión. Después habló sobre la utilidad del empleo de la lengua internacional Esperanto. También hablaron los señores Hasluck, Edward, Bonici y el Director de «Gibraltar Chronicle». Después el presidente preguntó si había alguno que quisiera hablar, y se levantaron un soldado de artillería y un marino. Ambos hablaron muy bien y con razón merecieron prolongados aplausos. El Sr. Moreno, director de la Academia de Esperanto de Gibraltar, saludó á estos propagandistas. El abogado D. Arturo Carrara propuso la creación de un Grupo bajo el nombre de «Sociedad Esperantista Gibraltar». En seguida se inscribieron 120 socios, entre ellos muchas señoritas.

*Málaga.*—D. Juan A. Aguirre propuso al claustro de profesores de aquel Instituto General y Técnico la creación de una clase de Esperanto. Por unanimidad fué aprobada esta importante proposición, y el 10 del pasado mes se abrió la matrícula y el 18 se dió la primera clase, continuando los lunes y los jueves, de dos á tres de la tarde. ¡Adelante, queridos compañeros!

*Tarragona.*—D. Manuel Cervera ha abierto una clase de Esperanto por correspondencia, empleando para ello el método práctico del autor inglés O'Connor, traducido al español; para dar á conocer esto, el Sr. Cervera ha impreso un folleto de propaganda muy útil para el

kuleron kun esperanta kovrilo, kiujn li disendas senpage. Tio ĉio supozas grandajn elspezojn faritajn de la malavareco de S.ro Cervero kiun ni tre dankas je la nomo de la hispanaj esperantistoj kaj en de tuta esperantistaro. Ni tutkore deziras al li la plej brilan sukceson por lia granda entrepreno. Turnu vin al S.ro Samuelo Cervera.—Nao, 3 —Tarragona.

*Murcia.*—Nia honora prezidanto sinjora Codorniu daŭrigas sian propagandan laboradon per artikoloj enpresitaj en la ĵurnalo «La Verdad».

*Madrid.*—Laŭ skribas al ni S.ro Alberto Galant, en Madrid'a Ateneo oni faras esperantan kurson kaj tieaj esperantistoj celas krei grupon. Estas jam tempo ke Madrid havu esperantistan Grupon, kaj ke la tieaj esperantistoj entreprenu la propagandon, kiel decas al hispana kortego.

*Jaén.*—S.ro Baŭdin Agüero, sekretario de la Grupo esperantista de La Guardia, faris grandan paroladon pri Esperanto antaŭ tre klera kaj multenombra aŭdantaro. Okazis la kunveno en la Normala Lernejo de Jaén, kies direktoro S.ro Antonio Calvo preparis por tio la grandegan salonon kiun oni nomas de Aktoj de tiu Centro. Al tiu ĉi kunveno ĉeestis la profesorinoj de la ĉefurbo, la profesoroj de la «Instituto» kaj preskaŭ ĉiuj la lokaj lernejestroj, jen publikaj jen privataj. La parolanto havis tre brilajn paragrafojn kiam li parolis pri Esperanto, pri ĝia itala muziko, pri ĝia konstrueco tiel similia al tiu de la hispana lingvo, pri ĝiaj nekompareblaj ecoj por aferoj sciencaj kaj literaturaj. La ĉeestantoj eliris tre kontentaj kaj entuziasmigitaj kaj ni devas konfesi ke la fervoro de nia kunbatalanto S.ro Baudin estasvere rimarkinda.

*Menorca.*—Laŭ la bonega revuo «Revista de Menorca »kiun publikigas la tiea Ateneo, la anoj de tiu ĉi Sociejo, amantoj de Esperanto estas pretaj fondi grupon por sin amikigi kun fremdaj esperantistoj kaj propagi la lingvon inter la saminsulanoj.

*Valencia.*—La fervoraj esperantistoj el tiu ĉi urbo daŭrigas senlace la propa-

caso y una circular con sobre esperantista, que él difunde gratuitamente. Todo esto supone grandes gastos hechos por la generosidad del Sr. Cervera, á quien damos las gracias en nombre de los esperantistas españoles y aun de todos los esperantistas. De todo corazón le deseamos el más brillante éxito en su grande empresa. Diríjanse á D. Samuel Cervera, Nao, 3, Tarragona.

*Murcia.*—Nuestro presidente honorario, el Sr. Codorníu, continúa su propaganda por medio de artículos publicados en el diario «La Verdad».

*Madrid.*—Según nos escribe D. Alberto Galant, en el Ateneo de Madrid se da un curso de Esperanto, y los esperantistas de allí tratan de fundar un Grupo. Hora es ya de que Madrid tenga Grupo esperantista, y que sus esperantistas emprendan la propaganda cual corresponde á la corte de España.

*Jaén.*—El Sr. Baudín Agüero, secretario del Grupo esperantista de La Guardia, pronunció un gran discurso ante un muy ilustrado y numeroso público. La reunión tuvo lugar en la Escuela Normal de Jaén, cuyo director, D. Antonio Calvo, había preparado para ello el grandioso salón titulado de Actos de aquel centro. A esta reunión asistieron las profesoras de la capital, los catedráticos del Instituto y casi todos los maestros locales, tanto públicos como privados. El orador tuvo párrafos muy brillantes cuando habló del Esperanto, de su música italiana, de su construcción tan parecida á la del español, de sus cualidades para asuntos científicos y literarios. Los presentes salieron muy satisfechos y entusiasmados, y hemos de confesar que el ardor de nuestro compañero de lucha, el Sr. Baudín, es verdaderamente notable.

*Menorca.*—Según la excelente «Revista de Menorca», que publica el Ateneo de allí, los miembros de esta sociedad amantes del Esperanto, están dispuestos á fundar un Grupo para relacionarse con los esperantistas extranjeros y propagar la lengua entre sus coinsulares.

*Valencia.*—Los entusiastas esperantistas de aquí siguen incansables su tra-

gandon. S.ro E. Pérez López, farmaciisto, enpresis bonan artikolon en la «Boletin del Colegio Oficial de Farmacéuticos de Valencia». S.ro B. V. Anguiano eldonis alian en la «Cruz Roja». Sed estas por mi granda novaĵo la «Likvoro Esperanto» kiun ni havis la plezuros gustumi, kaj kies ecoj estaj ja tiaj kiajn anoncas ĝia reklamo: bonega, higiena, fortikiga, digestiga. Oni vendas ĝin per duonlitraj boteloj po 4 ptoj.; aĉetante ilin dekduope, rabato da 30 %—Poeta Querol—Bar Inglés.

bajo de difusión. D. Eduardo Pérez López ha publicado un buen artículo en el «Boletín del Colegio oficial de Farmacéuticos de Valencia». El Sr. B. V. Anguiano ha publicado otro en la «Cruz Roja». Pero la gran novedad para nosotros es el «Licor Esperanto» que hemos tenido el gusto de probar, y cuyas cualidades son efectivamente las que anuncia su prospecto: bonísimo, higiénico, fortificante, digestivo. Se vende en botellas de medio litro á 4 pesetas. Comprándolo por docenas rebaja del 30 por 100. Poeta Querol, Bar Inglés.

# Bibliografio

*Corrigé de l' Ekzercaro de la lingvo internacia Esperanto de L. L. Zamenhof*, par L. de Beaufront. Prezo: 0 fr. 60 ĉe la librejo Hachette et C.ie, 79, boulevard Saint-Germain, Paris.

Kiel montras la titolo tiu ĉi verko estas la franca traduko de la Ekzercaro de D.ro Zamenhof. La libro estas tre utila al francoj kaj estas farita kun tiu zorgo, kiu karakterizas la verkojn de la eminenta franca Esperantisto. Ni rekomendas ĝin al niaj legantoj.

*Inter blinduloj konsiloj por uzado de ĵus blindiĝintoj*, verkita france de D.ro Emile Javal, esperantigita de lia bofilino S.ino Jean Javal. Librejo Hachette kaj C.ie Paris.

D.ro E. Javal estas unu el la plej eminentaj nuntempaj scienculoj: lia nomo estas glora, kiel medicinisto, sed kiel esperantisto li montris ankaŭ senegalan fervorecon, entuziasmon maloftan ĉe maljunulo kaj eksterordinaran lertecon. En la du Kongresoj de Esperanto li potence helpadis al la sukceso, kaj en lasta tempo li estis la ĉefa aganto de grava laborado, kiu estis plej fruktodona por Esperanto. Kaj malgraŭ tiuj eksterordinaraj ecoj, li estas tiel modesta, ke tre malmultaj Esperantistoj—precipe tiuj, kiuj vivis apud li—ĝuste sciis la mezuron de ĉio, kion li faris por Esperanto.

Kiam li atingis sian sesdekduan jaron, li subite blindiĝis. Post multaj jaroj de ekzercado de lia okulista profesio, dum kiuj li savis multajn vidojn, la sorto ironie difinis al li tian malfeliĉon. Ne malkuraĝiĝinte pro tio li daŭrigis, blinda, sin oferante al la plej noblaj idealoj, laborante kun persistega entuziasmo. La sperto kiel blindulo baldaŭ montris al li veran sciencon koncerne la flegadon de tiuj malfeliĉuloj, kiuj falis en la nigran profundegaĵon. Kaj li tuj skribis la verkon francan «Entre aveugles», kiu prezentas amason da multinteresaj konsiloj por laŭ eble dolĉigi la malfeliĉon de blinduloj kaj informi ilajn zorgantojn pri la plej bona maniero vivi kun ili.

La verko «Entre aveugles», kiun ni povas nun tralegi en Esperanto dank'al la lerta traduko de lia bofilino S.ino Jean Javal, estas tre necesa, instruoplena kaj verkita laŭ tia homama deziro ke eĉ la personoj plej certaj pri sia akrvideco kaj havantaj nenian rilaton kun blinduloj, ĝin tralegos sentante profundan kortuŝon, kaj eble timante pri propra estonta blindiĝebleco... «Inter blinduloj» estas verko, kiu trafas la koron, kiu sentigas nin plej kompatajn impresojn kaj kiun ĉiuj Esperantistoj devas koni por iom helpi al la tre multenombra aro da siaj blindaj homoj-fratoj.

Tion ĉi ni estis skribintaj, kiam ĵus alvenis la funebra sciigo pri la morto de D.ro E. Javal. Esperanto perdas la plej fervoran anon kaj la blindularo —sian plej

noblan kolegon. Ni ne povas tro bedaŭri la forrabon de tia eminentulo kaj plej malĝoje esprimas al sia distinginda familio nian sinceran kondolencon.

*Fonetika skribado por enpresigoj en neesperantistaj gazetoj* de D.ro E. Javal. Dijon. Prezejo Barbier-Marilier 1907.

La titolo de tiu ĉi broŝureto montras klare ĝian celon: ĝi enhavas tre bonan studon pri la fonetika skribado, kiun oni devas uzi por la enpresigoj de esperantaj tekstoj en neesperantistaj gazetoj.

La aŭtoro proponas, konsente kun D.ro Zamenhof la jenan sistemon. Anstataŭigi *j* per *y*; *h* per *kh*; *ŭ* per *u*; *ŝ* per *sh*; *ĉ* per *ch*, kaj *ĝ* per *dj*; ankaŭ li proponas anstataŭigi *c* per *ts*, ĉiufoje kiam tiu ĉi konsonanto *c* antaŭiras senpere la vokalojn *a*, *o*, *u*, «cirkonstanco sufiĉe malofta, sed kiu estas konstanta kaŭzo de eraroj por la personoj ne avertitaj».

Nenio pli simpla, nek pli saĝa. Ĉar la verketo pritraktita portas la daton 5.an de Januaro de 1907, ĝi estas por ni kvazaŭ la *testamento* de la eminenta Esperantisto kaj ŝajnas al ni, ke ĉiuj Esperantistoj penos plenumi la proponon de nia para amiko.

V. INGLADA.

*Provo de esperanta nomigado de personaj nomoj de Esperantisto n.º 10.072.* Prezo: 0'75 pesetoj. Valencio: Pubul y Morales, eldonistoj, Avellanas, 7.

Kiel klare montras la titolo la verko estas provo de esperantigo de la personaj nomoj, laboro tre necesa en la nuna tempo, ĉar ĉiutage ni legas en la esperantaj verkoj multajn personajn nomojn, kiujn la aŭtoroj esperantigas laŭ sia bontrovo, kio okazigas konfuzojn kaj diferencojn. Listo de la plej komune uzitaj personnomoj bone esperantigitaj donus grandan helpon al ĉiuj Esperantistoj kaj almenaŭ, plifaciligus la unuecon en tiu ĉi afero. Tion ĉi celis nia senlaca amiko Esperantisto n.º 10.072 pacience ellaborante kun granda zorgo la prididritan demandon. La aŭtoro intencis fari nur provon en tiu direkto, provo, kiu povus servi kiel bazon, al novaj serĉoj ĝis la definitiva solvo de la afero. Kaj ĉar tiaspecaj entreprenoj prezentas la plej grandan malfacilaĵon en la unua paŝo, neniu neos al Esperantisto n.º 10.072 la multvaloran ervon, kiun li faris al nia lingvo kaj la plej korajn gratulojn kiujn li meritas. La demando de la esperantigo de personaj nomoj estas delikata kaj postulas la konadon de multaj ĉeflingvoj por esti sukcese pritraktita, tute ne parolante pri la diverseco de opinioj, kiun ĝis nun elmontris pri tio multaj amikoj de Esperanto. Estas, do, espereble ke ĉiuj kompetentuloj rapidos tralegi la verkon de Esperantisto n.º 10.072 kaj liveros al li ĉiujn konsilojn necesajn por pliperfektigi, se eble, kaj denitivigi tion, kio ĝis nun aperas kiel provo. Malgraŭ ke ni trovas bona la procedon de la aŭtoro, ĉar nia kompetenteco pri la afero estas ne sufiĉa por ĝuste ĝin prijuĝi, ni finas tiun ĉi raporton prezentante la principojn, kiujn Esperantisto n.º 10.072 sekvis por la esperantigo de personaj nomoj, kiel li klarigas detale en la antaŭparolo de la verko.

Oni tradukis: *œ*, *æ* per *e*; *au*, *eu* per *aŭ*, *eŭ*; *c* antaŭ konsonanto per *k*; *ca*, *co*, *cu* per *ka*, *ko*, *ku*; *ce*, *ci* per *ce*, *ci*; *cl* per *kl*; *cr* per *kr*; *ch* per *k* aŭ *ĉ* (laŭ ĝia deveno); *i* en komenco de vorto kaj sekvita de vokalo per *j*; hispana *ñ* per *nj*; *ph* per *f*; *qu* per *kv*; *tia*, *tie*, *tio* per *cia*, *cie*, *cio*; finiĝo *tia* per *cio*, se ĝi nur estas aplikebla al virinnomo; se ĝi estas ambaŭseksa, per *cjo*,-*ino*; finiĝo *tius* per *cjo*-*ino*; kiam antaŭ *tia*, *tie*, *tio*, *tius* estas *s*, oni konservis la *t*; *th* per *t*; *w* per *v*; *x* per *ks*; *y* intervokale kaj radikfine per *j*; *y* inter du leteroj, el kiu unu almenaŭ estos konsonanto per *i*.

Ĉiuj nomoj esperantaj finiĝas per *o*, kiel substantivoj kaj oni prenis kiel devenon por fari la tradukon la radikojn de la nomo en la lingvo el kie ili devenas.

Fine oni forigis por la esperantigo nenian vokalon; oni forigis unu el du samaj sinsekvantaj konsonantoj, kiam ambaŭ estas samsonaj kaj oni plej zorge evitis ĉiujn konfuzojn eblajn en la nomoj aplikeblaj al ambaŭ seksoj, kiuj havas vokalon *i* en sia radikfino.

LA REDAKCIO.

# Miksaĵoj

Ekzameno pri fiziko:

—Ĉu vi rememoras iun el la plej rimarkindaj propraĵoj de la varmo?

—Jes, sinjoro; varmo plivastigas la korpojn kaj malvarmo ilin kuntiras.

—Ĉu vi povas prezenti ekzemplon?

La ekzamenato, post longa pripensado respondas:

—Jes,... en somero la tagoj plilongiĝas kaj en vintro ili mallongiĝas.

* * *

Ĉe ĵurnalistoj:

—Mia ĵurnalo publikigas sciigojn antaŭ ol ĉiuj.

—Ne! mi ĵus aĉetis ĝin kaj ne trovis eĉ la hodiaŭajn sciigojn.

—Kompreneble! la hodiaŭaj sciigoj estis enpresitaj en la hieraŭa numero.

* * *

La edzo:

—Diru, mia bela, kion vi preferas; ĉu ke mi donacu al vi aŭtomobilon aŭ ke mi vin alportu Madridon?

—Mi preferas—respondis la edzino—ke vi aĉetu aŭtomobilon por alveturi Madridon.

* * *

—Sinjoro, kiom da jaroj vi havas nun?—demandis marŝalo de Bassompierre kapitanon Strique.

—Sinjoro, tridek ok aŭ kvardek ok jarojn.

—Kiel tridek ok aŭ kvardek ok! estas tre malsame! Ĉu vi ne pli bone scias vian aĝon?

—Sinjoro, mi kalkulas mian monon, mian arĝentaĵaron, mian renton, ĉar mi povas ilin perdi aŭ oni povas ilin forpreni; sed ĉar mi ne timas ke oni prenu nek ke mi perdu kelkajn jarojn, mi estas trankvila kaj ne kalkulas ilin.

Kolektis kaj tradukis,

RAFAELO DUYOS.

# NOVAJ ANOJ DE H. S. P. P. E.

*León:* 797, Claudio Carro; 798, Pedro Redondo; 799, Esteban Suárez; 800, Eugenio Díez.—*Madrid:* 801, José Perogordo.—*Denia* (Alicante): 802, Ricardo Vicens Palacios; 803, Luis de Moya; 804, Juan Gómez Puig; 805, José Fullanga Llopis; 806, José Alegre Mayáns; 807, Francisco Antón Torregrosa; 808, Juan Miquel Amat.—*Las Palmas* (Canarias): 809, Francisco A. Gallardo.—*Mieres* (Oviedo): 810, Domingo García; 811, Arturo Rodríguez; 812, Jesús Gutiérrez Echeverri.—*Campomanes* (Oviedo): 813, Arcadio Alvarez Alcedo.—*Petín de Valdeorras* (Orense): 814, Joaquín García Fernández.—*Gijón:* 815, Francisco F. Braga.—*Vitoria:* 816, Severino Mayor.—*Segovia:* 817, P. Luciano Marrodán.—*Castillo de Locubín* (Jaén): 818, Narciso G.ª Mochales Smith; 819, Antonio Fernández Martínez; 820, Carlos Estremera Castillo; 821, Juan Guzmán Simón; 822, José M.ª Alvarez Castillo; 823, Manuel Alvarez González; 824, Angel Leyva Caracuel; 825, Florencio Alvarez Castillo; 826, Francisco Olmo Lara; 827, Miguel Castillo García-Negrete; 828, Juan de Dios Castillo Castillo; 829, Alfonso Alvarez Castillo; 830, Antonio Zurita Ruiz; 831, Rafael Valverde G.ª; 832, Antonio Luque Ciudad; 833, Juan Collado Peñalver; 834, Antonio Ruiz Alvarez; 835,

Miguel Castillo Castillo; 836, Gregorio Zamora Sánchez; 837, Miguel Morales Baeza; 838, Miguel González Simón; 839, Ezequiel Alvarez Castillo; 840, Ramón G.ª García-Negrete; 841, Juan-Diego Castillo Contreras.—*San Sebastián:* 842, Inés Erviti; 843, Eduardo Fernández; 844, Florencio Galilea; 845, Aurora Gil de Montes; 846, Concha Gil de Montes; 847, Juan Guach; 848, Fernando Molina; 849, Julián de Olave; 850, Lope Recio; 851, Aurora Rodea.—*Valencia:* 852, Romualdo Aguilar Blanch.—*Simat:* 853, Vicente Llácer.—*Liria:* 854, Juan Francisco Serra.

---

Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.

---



---

**GRAVA PROPAGANDILO.**—Ni plezure ekvidus, ke la lastaperinta numero de la belega kaj populara angla duonmonata publikigo «Self-Educator» (Memedukanto) komencas kurson de Esperanto verkitan de S.ro Clegg, lerta sekretario de la Brita Esperanta Societo.

La fakto, ke ĉia numero havas ĉirkaŭ kvin cent mil legantojn, sufiĉe elmontras la grandegan gravecon de la nomita publikiĝo kiel propagandilo, en Anglujo, de nia kara lingvo.—*Esp. 10.010.*

---

**Al la Esperantistaj Studentoj.**—Ĉiuj studentoj esperantistoj aprobantaj la ideon de fondo de Tutmonda Studenta Grupo estas petataj skribi al S.ro R. Sakoviĉ (Societo «Espero» Bol. Podjaĉeskaja, domo n.º 24 St. Peterburgo, Rusujo), aldonante, se eble, poŝtmarkon por respondo.

---

**Alvoko por blinduloj.**—Oni intencas aranĝi en Kambriĝo specialan Kongreson de blindaj esperantistoj.

Estus do dezirinde ke plej multe da landoj povu sendi delegitojn al la Kongreso. Sekve la naciaj gazetoj estas petataj de la Centra Komitato organici monoferon por ĉi tiu celo. Ni insiste petas niajn legantojn, ke ili partoprenu laŭ siaj fortoj en tiu interesa kaj utila entrepreno.